

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XIX - Nº 246 JULIO-AGOSTO 1981

**Du geinfanoj de la Kurso de Esperanto en la Nacia Kolegio de Callosa de Segura (Alicante) prezentas la Trofeojn de la Konkurso de redaktado en Esperanto.**

**BOLETIN**
**DE LA**
**FEDERACION ESPAÑOLA**
**DE ESPERANTO**

DIRECTORA
Dª Mª Aurora Viloria Nieto

DIRECCION
Y ADMINISTRACION:
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

REDACTOR JEFE:
D. Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40 - Telf. (93) 3338081
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION:

D. Giordano Moyá
D. V. Hernández Llusera
D. Gabriel Mora y Arana
D. Pedro Nuez
D. Luis Serrano Pérez
D. Miguel Gutiérrez Aduriz

*La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.*

Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

**Prezidantino**

Mª Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12-2º-C
Télf. (983) 260086
VALLADOLID-11

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde 8-8º-A
VALLADOLID-14

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana E.
A. Lorenzo Hurtado, 1
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H. E. F.

Jacinto Urueña Antón
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID-4

Pagoj por Libro-servo, sendu al
Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cuenta Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE H. E. F.
VALLADOLID

ELDONA FAKO

Inés Gastón
Pº de la Constitución, 35-4º
ZARAGOZA-1

INFORMA FAKO

Ramón Molera
Sta. Joaquina, 13
MOYA (Barcelona)

ĈEFDELEGITO DE UEA

Juan Azcuénaga Vierna
Capitán Palacios, 3-4º-N
SANTANDER

H. E. J. S.

(Junulara Sekcio de H. E. F.)
Carreras Candi, 34-36
BARCELONA-28



«Je la aliro al Bruselo, komence de 1939, Esperanto kaj la esperantistoj estis por mi vera ronda familio. Pro Esperanto, neniam mi sentis min sola.»

# ESPERANTO EN LIA VOJO...

Hodiaŭ ni prezentas profesoron • Francisko Zaragoza Ruiz, konatan hispanan figuron, kiu ekde sia esperantistiĝo tre pozitive aktivas en Esperantujo, speciale en la instruista medio de nia lando.

Liadire, ne kampanjon, sed ja konstantan laboron por Esperanto en la lernejojn precipe celas ILEI (=Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj), kies senlaca animo, en tuta Hispanujo, fariĝis nia prestiĝa lingvokolego.

Jen pli elokvente, liaj respondoj al nia demandaro:

**Kie, kiam, kiel kaj kial vi interesiĝis pri Esperanto?**

Estiĝis fojon... Hazarde dum printempo de 1932, mi foliumis ekzempleron de la ĵurnalo ABC, avida de instruo kaj informado. La paĝoj pasis tiom rapide kiom la hasto de mia aĝo juna devigis. Subite, jen estis nekomuna artikolo, kiu akrigis mian atenton. Absorbate, mi legis informadon pri io mirinda, io pri kio sentema homo devas interesiĝi, io per kio la homaro, parole, kaj skribe, per malgranda strebo povas facile kaj sen kompleksoj interkompreniĝi: Esperanto! Kial, do, ne lerni ĝin? Dirite kaj farite! Rekte, per entuziasma letero, mi komunikis mian deziron al la aŭtoro de la artikolo. Bela epoko! Post kelkaj tagoj mi ricevis libreton kaj demandaron por atingi la Diplomon de E-o. Kelkajn samajnojn poste, mi ricevis mian atestilon, subs-

kribitan de pastro Mariano Mojado, kiel sekretario kaj* Julio Mangada Rosenhorn, kiel Prezidanto de la hispana organizo en Madrido.

**Ni scias, ke vi imitinde vicsekretarias en Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (=ILEI). En Hispanujo via disvastiga kampanjo por Esperanto fariĝas tre pozitiva, precipe inter la geinstruaro. Ĉu ILEI sukcesis varbi multajn el ili al nia afero? Kiel vi agis tiurilate?**

De tiu dato senĉese mi aktivis favore al Esperanto. Antaŭ, dum kaj post la hispana milito. Eksterlande kaj enlande. En 1974, kun grupo da amikoj mi partoprenis en Bergamo —Italio— la SAT-Kongreson. Tie mi kontaktis D-ron Prof. Mario Dazzini, Ĝenerala Sekretario de ILEI, kaj lian ĉarman fratinon Catina. Estas ambaŭ vivanta ekzemplo de kapablo, entuziasmo kaj laboremo favore E-on kaj ĝian enkondukon en la lernejajn mediojn, kaj rekte mi aliĝis al ILEI, ĉar ni opinias, ke la lernejo estas la sola, vera, efika solvo por enkonduki Esperanton en la aktivan vivon de la landoj. Revene, en Hispanujo, teamo da esperantistoj pristudis la aferon. La instruistaro estas disigita je la kvar kompaspunktoj de nia lando. Do, estis deviga koresponda kurso, helpe de kasetoj. Nekredeble, estas modo malsimpligi Esperanton: ni simpligis ĝin. Nia agado ne estas kampanjo, sed konstanta laboro, kiu daŭros mem post la enkonduko de Esperanto en la lernejojn, ĉar tia laboro estos iam interesa kaj ege fruktodona. Por traduki nian agadon, la agadon de la Estraro de la Hispana Sekcio de ILEI per ciferoj, mi diru, ke ni sukcesis varbi ĝis hodiaŭ 1.104 enskribintojn en la Elementan Korespondan Kurson kaj 75 en la Perfektigan Kurson plejgrandparte Profesorojn de Ĝ.B.I. (=Ĝenerala Baza Instruado). Inter 192 kaj 230 Naciaj Kolegioj instruas E-on per Profesoroj de Ĝ.B.E. diplomitaj en E-o. Nia Sekcio notas 386 membrojn. Ni havas aktivan kaj efikan kaseto-Servon kun 19 Titoloj kaj ni komencis la eldonadon de gazeto «Centro Piloto» en Kristnasko 1980, trimonata kaj kun 2.000 ekzempleroj de eldono, oficiala organo de ILEI (Hispana Sekcio) kaj de la hispanaj Naciaj Kolegioj, kie oni instruas E-on.

**Ni informiĝis, ke vi rezidis plurajn jarojn en Belgujo. Ĉu ankaŭ tie vi aktivis por Esperanto?**

Efektive mi rezidis en Belgio dum dekses jaroj. Kaj mi aktivis tie, sed nur kiel numero. La aktivado de niaj belgaj samideanoj devigis min nur ilin akompani kaj profiti el iliaj spertoj kaj pozitiva agado. Ankoraŭ estas vivantaj en miaj rememoro la nomoj de Dekrom, Kohne, Debaene, Castel, filinoj Martens, k. s. Ganto, Bruselo. Kurtreo kaj Antverpeno, kiel Mekoj de nia belga esperantismo.

**Ĉu vi bonvolas rakonti iujn anekdotojn okazintajn en la daŭro de via multjara Zamenhofado?**

Estis en 1933. Ni entuziasmis favore al E-o, kaj inter aliaj ni pentris grandformatan verdan stelo ĉe la enirejo kaj elirejo de nia urbeto Callosa de Segura (Alicante). Iun tagon, subite, pluraj personoj eniris en mian klasejon kaj plenĝoje informis min: Du germanoj demandas pri vi. Estis kvazaŭ du marsanoj alvenus al la urbeto. Efektive, du altaj blondaj junuloj, fuĝante piede la hitleran Germanion havis la surprizon renkonti esperantistojn en tiu urbeto. Ili restis ĉe ni. Nia sperto por konversacii en E-o estis nula, ĉar ili estis niaj unuaj interparolantoj! Iun tagon, la blonda Paŭlo diris al mi: Pacjo! Vi nomas la Grupon «**Ĉiam**



Maldekstre, S-ro. Francisco Zaragoza kun la geedzoj Bueno, el Vigo. Dekstre, la edzino de S-ro Zaragoza.

**Esperanto**», sed vi ja devus nomi ĝin «**Neniam Esperanto**», ĉar konstante vi krokodilas!

Dum SAT-Kongreso 1934 en Valencio, sveda s-no kun tendo surdorse serĉis loĝejon. Kial ne ĉe la plaĝo?, kaj tre serioze li respondis: Ĉar tie estas multaj «kuloj» (En la hispana «postaĵoj»). Malhonestaj hispanoj! Vespere ni tendumis ĉe la strando. Du minutojn poste nubo da moskitojn, malpiece, atakis nin, kaj ciuj simultane ekkriis: Jen estas la «kuloj»!!!

Ĉe la klasejo lernanto, ĉiam tre efika kaj fiera tentas la frazon, kiun ni, proponas. Sur la tabulo ni skribas ĝin: **La unua parto estas facila.** —Kiu komprenas? —Mi. Traduku ĝin hispanlingven! Sekura, fiera, serioza li tradukis. **El primer parto es fácil!** (El la hispana: La unua nasko estas facila!).

Fina noto. Ni aldonu, ke post mia forkuro el la kampkoncentrejo de Saint Cyprien en Francio, je la fino la hispana milito, danke al E-o, s-noj de Narbono, Parizo, Lilo, Bruselo ebligis la solvon de tre malfacilaj situacioj kaj permesis al mi havi decidan sperton de tiu mirinda koncepto nomita «Interna Ideo».

**Kian mesaĝon vi sendus al la hispanaj esperantistoj por ke ili plej efike kontribuu al la definitiva venko de Esperanto?**

Al la hispanaj esperantistoj mi varme rekomendus, ke ili senĉese kaj daŭrige disvastigu Esperanton en ĉiun lokon, sed precipe en la lernejajn mediojn, per ke ĉiuj povu vivi sian plej belan aventureton, nome trovi amikojn ĉie ajn en la tuta mondo.

**Intervjuis: V. H. Ll.**



Partoprenantoj en la H.E.J.S. tendaro.

# LA ĈIJARA TENDARO DE H.E.J.S. SUKCESE OKAZIS EN ELX

Ĉiujare kunvenas en iu ajn tendaro aŭ tendumebla loko de Hispanio, esperantistaj gejunuloj el la tuta lando. Ĝi estas la tendaro de H.E.J.S., kiu en la nuna jaro okazis en la bela kaj vizitinda urbo «Elx». La renkontiĝo ĉeestis sesdeko da ĝojemaj geesperantistoj kiuj kaj amuzis kaj diskutis pri multaj interesaj temoj rilate la esperantan junularon en Hispanio.

La treege bona organizado atingis veran esparantan etoson, en kiu sin reciproke konis granda kvanto da agemaj genujuloj (multaj el ili pli spiritaj ol fizikaj) el Valladolid, Barcelona, Vilanova i la Geltrú, Madrid, Elx, Callosa de Segura, Logroño, Murcia (eble mi forgesas iun ajn), kaj eĉ el Belgio. Ni devas, almenaŭ mi tion opinias persone, gratulis S-anon Antonio Verdú kaj liajn amikindajn samideanojn el Elx pro sia senreproĉa laboro organizante la tendaron.

Kulturajn vizitojn ni faris al Muzeo «La Alcudia», kie ni vidis interesajn antikvorestaĵojn el la antaŭromania epoko, kaj al «Huerto del Cura». En ĉi tiu lasta loko, ni plezure gustumis daktilojn, kaj vidis altegajn kaj strangaformajn palmojn. Ĉeestantaj intelektuloj asertas ke la plej interesa kultura aranĝo estis la vizito al diversaj tipaj trinkejoj (t. e. drinkejoj) kie ni gustumis fabojn kaj bonan vinon.

Esperanto kursoj okazis aranĝitaj de Juan Carlos Ruiz. En la Elementa Kurso li intencis klarigi la esperantan bazon, kaj en la Supera, li direktis interesan diskutadon pri diversaj nuancoj de la esperanta gramatiko, kaj pri la plej oftaj eraroj farataj de la hispanoj.

La plej grava celo de la tendaro estis la diskutado de la problemoj de H.E.J.S. kiu okazis dum la kunveno de la delegitoj de ĉiu esperanto-Grupoj kaj la estrarkunsido de H.E.J.S. La unua, okazis sabaton vespere kaj daŭris preskaŭ kvar horojn. Ĝi temis pri la strukturo de la Organizo, la ebleco peti de H.E.F. ke ĉiuj decidoj pri la Esperanto Junularo oni diskutos en la tendaroj kaj ne en la Naciaj Kongresoj. En la dua kunsido, sekvontan tagon, oni decidis pri tiuj temoj, kaj oni konsentis ke la venonta tendaro okazos en Logroño (kvankam, se tio ne eblas, «Cuenca» ĝin anstataŭos).

Alia problemo kiu priokupis al la ĉeestantoj estis la demisio de C. Moya kiel direktoro de la bulteno «H.E.J.S. JUNECO».

Finfine, mi esperas ke per ĉi tiu raporteto mi iomete informis vin pri ĉiuj eventoj kiuj okazis dum ĉi tiu lasta tendaro, kiu estis, mia opinie, ĉeestinda.

**M. A. Sancho Pardo**

# 1981: LA INTERNACIA JARO DE HANDIKAPULOJ



Almenaŭ 500 milionoj da homoj en la mondo estas kandikapitaj, sed la internacia socio nur ekkomencis atentigi la publikon pri iliaj situacio kaj malfacilaĵoj. Ci tiun jaron, 1981, la Ĝenerala Asambleo de la Unuiĝintaj Nacioj nomis la Internacia Jaro de Handikapuloj kun la celo veki la mondan konscion pri tiu komplika problemo.

Jam ĉe la difino de kandikapiteco komenciĝas la kompliteco. Kiel difini ĝin? Ĉu temas nur pri evidentaj fizikaj aŭ mensaj malhelpoj? Ĉu oni ankaŭ konsideru internajn fiziologiajn malfaciligojn? Alia demando estas la severo de la kandikapo.

«Unu el la celoj», diris Ambasadoro Mansour Kikhia, Prezidanto de la Organiza Komitato de la Jaro, «estas atingi internacian interkonsenton pri kio estas handikapiteco».

Jam inter la evoluintaj kaj evoluantaj landoj de la mondo komenciĝis diskutoj, kunvenoj kaj interŝanĝoj de spertoj por starigi interkulturan kaj internacian difinon surbaze de komparado de leĝoj kaj praktikoj. Kvankam ties formo estas ankoraŭ ne certa, oni povas antaŭvidi ke formiĝos ia internacia normo pri tiu ĉi demando. Kiel Ambasadoro Kikhia diris, «la jaro ne estas celo en si mem».

Kvankam la handikapuloj frontas problemojn en ĉiu parto de la mondo, iliaj problemoj malsamas de unu lando al alia. Unu komuna problemo estas, tamen, ilia integriĝo en la socion. En la evoluintaj landoj, sociaj servoj estas multaj kaj taŭgaj sed ofte aŭdiĝas plendoj pri la «anonima» kaj «aŭtomata» traktado. En la evoluantaj landoj, aliflanke, la familio estas ankoraŭ forta, sed terure mankas necesaj sociaj servoj. «La prava solvo troviĝas verŝajne en la mezo», sugestas Ambasadoro Kikhia. «Ni bezonas sociajn servojn, sed ni ankaŭ devas eduki la familion, eduki la handikapitojn mem, kaj eduki iliajn familianojn pri tio, kiel helpi ilin estiĝi efikaj anoj de la socio.»

La komitato havas ankaŭ aliajn gravajn zorgojn. Ĝi okupiĝas, en kunlaboro kun la Monda Organizo pri Sano, pri metodoj por redukti handikapiĝon pro malsano, akcidentoj kaj hereditaj difektoj. Ĝi laboras por kolekti financan helpon el registaraj kaj neregistaraj fontoj. Krome ĝi faras sian eblon rekte helpi al la unuopaj registaroj kunordigi kaj evoluigi siajn servojn por kandikapuloj por atingi plej efikan kaj humanajn rezultojn

(Artikolo sendita de la Novjorka Oficejo de U.E.A.)

# KOLOKVO KUN D-RO DUNCAN CHARTERS PRI

## «Instrumetodoj por lernigi Esperanton»

**Madrida Esperanta Liceo, la 20-an de Majo, 1981**

### ETA BIOGRAFIO DE LA PRELEGANTO

Doktoro Charters estas aktiva esperantisto ekde siaj studentaj jaroj, kiam li agadis en la junulara movado TEJO kaj redaktis la britajn bultenon «KIAL NE» kaj «JEN».

En 1970, li gajnis la anuan premion de la oratora konkurso, kiu okazis dum la Universala Kongreso en Vieno.

Kune kun William Auld, nuna prezidanto de la Akademio de Esperanto, li instruis la internacian lingvon en la someraj kursoj de la universitato San Francisco. Krome, li gvidis kurson de Esperanto en 5 aliaj usonaj universitatoj: Tiucele, li prilaboris materialon por la instruado de Esperanto.

Dro. Charters ankaŭ okupiĝis pri instruistaj aferoj, kaj aktivis en instruistaj rondoj.

**Demando:**
**—Kion vi opinias pri la rekta metodo?**

**Respondo:**
—Ĝi naskiĝis kiel provo kontraŭ la gramatika traduka metodo en 1920. Tiu metodo estas speciale taŭga kiam la profesoro estas talenta, sed la problemoj aperas kiam oni deziras klarigi abstraktajn konceptojn. Tiam, la lernigado estas kaj malfacila kaj malrapida.

Unu el la plej grandaj avantaĝoj de la sistemo estas ke la gelernantoj, ripetante hore facilajn frazojn, perdas la timon paroli. Tio entuziasmigas ilin.

La defendantoj de la rekta metodo argumentas ke pere de ĝi oni alkutimiĝas pensi facile en la lingvo lernata. Sed tio ne estas certa, ĉar oni ĉiam havas senkonsciajn lingvajn malvirtojn devenantaj el la nacia lingvo.

**Demando:**
**—Ĉu la rekta metodo renoviĝas?**

**Respondo:**
—Jes. Fakte estas tri sistemoj apliki ĝin. La unua, el la kreinto, estas persona metodo: «kiu estas mi?, —mi estas katolika pastro. Kiu estas vi?». La dua, renovigita, estas objekta metodo: «La libro estas sur la tablo». La tria estas konversacia metodo, kaj fruktodonas kun bonaj instrumaterialoj. Verdire, la bona elekto de profesia materialo estas grava afero en la rekta metodo.

Alie, estis pluraj provoj en la senco elekti fundamentan vortaron kun la plej oftaj fakvortoj. Sed praktike ili ne estas la plej taŭgaj por la instruado. Vortoj kiel «kato», «tablo», «nazo», kiuj ne aperas kutime en kolokvoj, estas pli konvenaj al tiu celo.

**Demando:**

**—Kiamaniere oni lernigas bazan vortaron en la rekta metodo?**

**Respondo:**

—En ĉiu instrusistemo estas prefere divenigi novajn konceptojn laŭ la kunteksto. Tio estas, la gelernantoj konas ses el sep vortojn, kaj imagas tiun kiun ili ne sciis.

Krom tio, estas delikate uzi la aŭdvidan metodon, ĉar dum la aŭdvidado oni miksas kaj konkretajn objektojn, kaj situaciojn kaj filozofajn aferojn.

**Demando:**

**—Kiujn problemojn vi havis aplikante la ĉe metodon?**

**Respondo:**

—Multajn. Tiom ke, mi miksis la rektan metodon kun materialo en nacia lingvo kiun mi donis al la lernantoj. Tiun materialon, konsistanta el gramatikaj klarigoj, ekzercoj kaj vortaroj, la studantoj prilaboris kiel hejmtaskojn. Tiel ili lernis rapide la gramatikajn konceptojn. Mi kutimis disdoni unue la klarigon kaj la sekvantan tagon, en la klaso, ni ĝin praktikis en Esperanto. Sed aliaj profesoroj agis kontraŭe: Ili donis la klarigon en Esperanto, kaj post la klaso distribuis la tradukon en nacia lingvo.

Alia problemo, kiun mi spertis, temis pri la malsama nivelo de la gelernantoj. Tio okazas ĉiam, sed en la rekta metodo ĝi pligrandiĝas pro la malfacileco anstataŭi diferencon da intuicio. Sistemo por samniveligi konojn estas dividi la klason en du periodojn. Dum la unua, la klarigado estas komuna. Poste, la plej lertaj studantoj preparas ekzercojn dum la aliaj insistas kune kun la profesoro en la malfacilaj temoj. Alia sistemo taŭga estas fari parojn da lernantoj tiel ke ĉiu paro konsistas el unu altnivela kaj alia meze aŭ malaltnivela. Ili baldaŭ ekegaliĝas. Kiam estas malmulte da gelernantoj la lasta sistemo povas iĝi en individuigita metodo post la komuna parto de la klaso.

Fine, alia problemo en la ĉe metodo estas ke la senkonscia formulado de reguloj farata de la lernantoj malfaciliĝas kun la Akuzativo, ĉar multaj denaskaj lingvoj ne havas tiun kazon. Pro tio mi ofte komencas la kursojn per la klarigo de la Akuzativo.

**Demando:**

**—En kiuj cirkonstancoj vi konsilas la uzadon de la rekta metodo?**

**Respondo:**

—Laŭ mia persona sperto, statistike mi sukcesis aplikante la ĉe metodon al junuloj inter naŭ kaj dektri jaraj, kaj al intuiciaj personoj. La gramatika sistemo kutimas esti pli komforta por pliaĝuloj; speciale se ili estas iom kleraj. Sed mi, lastatempe, klarigas miksante diversajn metodojn kaj studante la psikologiajn respondojn al ĉiu el ili de miaj gelernantoj.

**Demando:**

**—Krom la Gramatika kaj la rekta, kiajn aliajn instrumetodojn vi konas?**

**Respondo:**

—Ni povas paroli pri aliaj du: la struktura, kaj la silenta. La struktura metodo baziĝis sur la bezono klarigi konversacian nivelon al personoj kiuj tabuas gramatikon. Oni kromnomas la sistemon kiel «PAROLA-AŬSKULTA», ĉar ĝi konsistas en dialogoj parkere lernitaj kies strukturojn rapide ripetas la studantoj. Tiel oni aŭtomatigas la respondon. Sevke mi donas ekzemplon por praktiki la pronomojn:

—La profesoro diras «**Mi** estas hispano».

—Kelkaj lernantoj ripetas «**MI** estas hispano».

—Ĉiuj, hore, ripetas «**Ni** estas hispanoj».

Poste la profesoro diras nur la pronomon, kaj la lernanto devas fini la frazon:

«**Mi**» (Mi estas hispano)
«**VI**» (VI estas hispano)

«**Ni**» (Ni estas hispanoj)
«**Ili**» (Ili estas hispanoj)

Poste, oni ampleksigas la frazon al virinoj. La profesoro diras «**ŝi**», kaj iu respondas: «**Ŝi** estas hispan**ino**».

Pri la Silenta metodo, ni diru ke konsistas en krea laboro. La instruisto klarigas unu fojon aferon kaj li silentiĝas. Tiam, ĉiuj studantoj, grupe, devas rememori tion kion la profesoro eksplikis. Se la gelernantoj estas laboremaj, tiu ĉi diskuta sistemo estas efika, ĉar fiksas la ideojn.

**Demando:**

**—Kion vi opinias pri perfektigaj kursoj; kaj kiu estas la plej bona sistemo ekspliki gin?**

**Respondo:**

—Por la profesoroj, la kursoj perfektigaj estas pli malfacilaj ol la bazaj; la kialo estas ĉar je la fino de la fundamentaj kursoj, la gelernantoj atingas malsamajn nivelojn pro diversaj motivoj.

Sed necesas alfronti tiun malfacilaĵon. Oni devas rememori ke la novaj profesoroj naskiĝas el tiaj pertigaj kursoj, kaj ke malmultaj lernantoj restas en la superaj klasoj. Pri tio mi aldonos ke se ni preparas 4 trimonatajn kursojn por lernigi Esperanton, kaj je la komenco estas 100 studantoj, en la dua trimestro restas 40, en la tria 8, kaj en la fino, 4. Tio ĉi estas simpla statistiko.

Antaŭe ni parolis pri sistemoj por samniveligi la konojn de la lernantoj, kaj pri diversaj instrumetodoj. En la perfektigaj kursoj, oni devas praktiki ĉiujn rimedojn eblajn por plialtigi la scion de estontaj profesoroj. Tial oni uzu la nacian lingvon kiam ĝi interesas por tikla klarigo; oni komparu malfacilaĵojn inter la nacia kaj la internacia lingvo; oni sugestu hejmtaskojn kaj legaĵojn; oni elektu kulturigajn ekzercojn... k.t.p.

**Demando:**

**—Ĉu vi opinias ke estas interese aranĝi specialajn kursojn en Esperanto por profesiaj instruistoj kaj ĵurnalistoj?**

**Respondo:**

—Kompreneble, jes. Tio kumportas grandan propagandon inter personoj kiuj povas disvastigi ege la meritojn de Esperanto. Sed la afero estas ne tiel simpla kiel ĝi aspektas. Tiaj profesiuloj deziras koni la lingvon por apliki ĝiajn avantaĝojn en la Kampo kie ili laboras. Do, antaŭ ol prepari kurson dediĉatan al iu ajn metiuloj konstatu la rektan utilon de Esperanto. Kaj tio bezonas profesian materialon.

**Demando:**

**—Kia estas tiu profesia materialo?**

**Respondo:**

—En lernado, ĝi konsistas el klarigaj aŭdvidaj iloj; el libroj de diversaj aŭtoroj kaj metodoj; el elektitaj tekstoj pri gramatiko kaj literaturo; el taŭgaj ekzercaroj; el sonbendigita lecionoj, ktp.

En ĵurnalismo, la profesia matelo temas pri esperantaj revuoj; konigo de esperantaj fakoj kaj asocioj; intersanĝo de sciigoj kun aliaj ĵurnalistoj (reciprokaj korespondantoj); diskonigo de minoritataj kulturoj... k.t.p.

# FLORAJ LUDOJ DE VALLS



Tiu Poezia Festo-Konkurso de la Floraj Ludoj, tiel tradicia en Katalanujo. estas alvokita en tiu urbo Valls de la provinco Tarragono, unufoje ĉiun jardekon okaze de la tiel nomataj «Festoj je honoro de la Virgulino de l'Kandelo», kiujn la Urba Konsilantaro organizas, ankaŭ unufoje jardeke.

La nunjara multflanka Festado (religia, kultura, sporta, folklora) estis kronologie la 20-a. Ĉiuokaze, la precipa festotago estas tiu de la 2-a de februaro (laŭ la religia kalendaro) de ĉiu jardeko kiu finiĝas per la cifero 1 (unu).

La Floraj Ludoj celebriĝis la 25-an de januaro, je la kvina posttagmeze en la vasta kaj bele ornamita Sporta Pavilono, kie amasiĝis pli ol du mil personoj.

Pli —malpli, kvin-cent verkoj, jen versaj, jen prozaj, konkuris. La prestiĝa dekmembra Juĝa Konsitorio estis prezidita de la esltara poeto «Mestre en Gai Saber» Joan Montalá. Kaj eldiris la Festparoladon la deputito de la aŭtonoma Kataluna Parlamento moŝto Miquel Coll i Alentorn, kiu estas krom veterana politikisto, ankaŭ fama historiisto.

La Natura Floro (ĉefa poezia premio) estis aljuĝita al nia regula kunlaboranto en la redakcio s-ano Gabriel Mora i Arana, pro lia katalunlingva poemo titolita «Cant de la plenitud amorosa» (Kanto de l'ama pleneco) konsistanta el dudek -sep klasikaj sapfaj strofoj.

La aŭtoro prikantas per sia poemo la amon kaj la geedzan fidelecon, prenante similaĵojn el la bunta aŭtuna sezono: bildojn de plurnuanca kromateco, kaj de tiuj fruktoj kiuj en la oktobro atingas sian plejan bongustan acidan dolĉecon. Li, do, teksas multajn lirikajn alegoriojn kaj metaforojn, surbaze de la daŭra kaj fekunda gepara amo kiu tra la jaroj pli kaj pli riĉiĝas je trezora matureco de aŭtunaj rikoltoj kaj kolorŝanĝoj de la pejzaĝo.

La Reĝino de l'Poetoj estis f-ino María Ester Fabra i Salvat, studentino, kiu meritis tiun honoron ĉar ŝi gajnis junularan literaturan konkurson.

**G.S.**

# NIAJ GRUPOJ

## GIJON

La Astura Esperanto Asocio kunlabore kun la Esperanto Societo «Hristo Kozlev» de Polski Trambeŝ (Bulgario) organizis sub la titolo «Bulgario 1.300 jaroj» interesan ekspozicion okaze de tiu jubileo kiun ĉijare festas tiu lando.

Por la menciita ekspozicio, oni ricevis de tiu bulgara societo diversajn fotografaĵojn, broŝurojn, k.s. Ankaŭ la Ambasado de la Popola Respubliko de Bulgario en Madrido helpis nin per alsendo de belegaj koloraj fotoj pri folkloro, arto, lernejoj k.t.p.

La ekspozicio okazis de la 18-a ĝis la 23-a de Majo kaj ĝi atingis grandan sukceson. Ĝi estis situata en la ĉefa vestiblo de la katedro «Jovellanos», tra kiu ĉiutage pasas centoj de personoj, ĉu por ĉeesti kursoj, ĉu por vidi ian filmon aŭ teatraĵon.

Sub ĉiu fotografaĵo kaj afiŝo, ni skribis klarigan tekston en esperanto kaj en hispana lingvo.

En la enirejo ni metis du grandajn tabulojn. Unu la koloroj de la bulgara flago, enhavis la tekston: «Exposición Bulgaria - 1.300 años». En la alia, sur la esperanta flago, tekstis: «Organizada por Astura Esperanto Asocio».

La loka ĵurnalo «El Comercio» du tagojn informis pri la ekspozicio kaj alian tagon krom la informo, aperigis foton pri la evento. Ankaŭ la provinca ĵurnalo «La Nueva España» informis pri la okazintaĵo.

**Adonis**

## CALLOSA DE SEGURA

La Hispana Sekcio de I.L.E.I. organizas Konkurson de Redaktado en Esperanto por la infanoj de la Naciaj Kolegioj pri la temo «Ni fosas nian sulkon». La amplekso de la redaktaĵo estas minimume 400 vortoj kaj 800 maksimume. La premioj estas allogaj kaj interesaj, ĉar krom la trofeoj de la Ministerio pri Edukado kaj de la Ministerio pri Kulturo, ekzistas aliaj de la Provinca Delegitaro pri Edukado, de la Nacia Kolegio de Callosa de Segura, kaj de la Ŝparkaso de Alicante y Murcia. Krom tio, oni disdonos 10 abonojn al diversaj revuoj kiel Heroldo de Esperanto, Boletin de HEF, El Popola Ĉinio, k.t.p.

La Juĝantaro konsistas el: D-ro Antonio Serna, Katedra Prof. en la Universitato de Murcia, kaj D-rino M. Rafaela Urueña, Prof. en la Universitato de Valladolid, kaj Prof. Francisco Zaragoza, Vicsekretario kaj hispana sekciestro de I.L.E.I.

La disdonado de la premioj okazos dum la Solena Fermo de la Hispana Esperanto Kongreso en Murcia.

## MADRID

Multaj estis la vizitoj kiujn ricevis la Madrida Esperanto Liceo: La 8-an de majo, ja la 20-a horo, la pola aktorino Jadwiga Gibczynska prezentis en esperanto fragmentojn de «La Eta Princo» fama verko de Saint Exupéry. Poste, Liljana Palczewska komentis lumbildojn sub la titolo «Tra Pollando». Ankaŭ vizitis nian ejon, la ĵurnalisto de la Pola Televido Roman Dobrzynski kaj sia edzino Erika, ĵurnalistino de Pola

Radio, kun kiuj ni havis okazon paroli pri tre interesaj temoj. La 20-an de Majo, D-ro Duncan Charters prelegis esperantlingve en nia klubejo, pri «Instrumentodoj pro lernigi Esperanton» kun granda sukceso (kaj pri kio vi havas okazon legi en ĉi tiu BOLETIN).

Ankaŭ nia estraro sanĝiĝis, kaj jen nia nova estraro:

Prezidanto: Augusto Casquero.
Vicprezidanto: Juan Carlos Ruiz.
Sekretariino: Alicia Ballester.
Vicsekretario: José Luis García Piña.
Kasisto: José Ramón López Tejerina.
Kontrolisto: José Fernández-Arroyo.
Voĉdonanto pri Financoj: José Francisco Platas.
Bibliotekanto: Mamen Dávila.
Voĉdonanto pri Biblioteko: Ester Muñoz.
Voĉdonanto pri Propagando: Georgette Lelievre.
Voĉdonanto pri Junularo: Santiago del Pino.
Redaktado de «Nia Voco»: Miguel A. Sancho Pardo.

Kaj ankaŭ dum la unuaj tagoj de julio komencas Someran Kurson, pri kiu ni bone propagandis per radiostacioj kaj televido.

## BARCELONA

En la sidejo de Barcelona Esperanto Centro, kaj okaze de la kursfino, oni aranĝis ekspozicion pri fotografaĵoj, kaj S-ro Ramón Molera prelegis pri «Pollando, heroa lando», kun granda sukceso. Pri la evento aperis notoj en diversaj lokaj ĵurnaloj.

## SABADELL

La 13-an de junio, organizite de la loka Esperanto-Klubo okazis en la Auditorio de Radio Sabadell parolado fare de S-ano Ramón Molera, pasintjare premiita en konkurso de la Esperanto-fako de Radio Varsovia. S-ro Molera parolis pri la temo «Polujo, heroa lando» kaj sciis teni la atenton de la ĉeestantaro al tiu lando kaj ĝiaj vidindaĵoj, kiujn li objektive prezentis kaj komentariis helpe de koloraj diapozitivoj de li mem fotitaj. Je la fino, li klarige respondis diversajn demandojn al kelkaj interesiĝantoj.

## VALENCIA

Laŭ informo de la Sekretario de la Valencia Esperanto-Grupo, ni scias la translokiĝon de tiu societo al alia strato. Do, jen la nova adreso: Gran Vía Fernando el Católico, 45-3º VALENCIA-8. La nuna ejo estas sufice granda kaj oni antaŭvidas progreson por la E-movado en Valencio.

## VALLADOLID

La Grupo «Fido kaj Espero» organizis la 17-an de Majo ekskurson per aŭtobuso kun la celo viziti la imperian urbon Toledo. Tiu dimanĉo la vetero estis feliĉe suna kaj la ekskursantoj havis okazon viziti la ĉefajn vidindaĵojn de la urbo. Inter ili ni elstaras: la Katedralon, la Muzeon de La Greko, la sinagogojn k.t.p.

Ankaŭ nia Grupo aranĝis Printempan Kurson kiu komenciĝis en la


Grupo de gepartoprenantoj en la ekskurso al Toledo.

monato aprilo kaj finiĝis en junio, sub gvidado de nia entuziasma S-ano Vicente de la Parte.

Grava afero por nia movado estas ke S-ano Luis Pelayo, aktiva membro de nia Grupo, sukcesis publikigi novaĵojn pri Esperanto unuafoje en la semajna folio «El Eco» de la grava entrepreno Michelin en nia urbo. Tiu folio atingas eldonkvanton de 2.000 ekzempleroj ĉiusemajne disdonitaj inter la Michelin-aj laboristoj. La sama samideano pripensas la eblecon gvidi Elementan E-kurson en la sama entrepreno la venontan aŭtunon.

# FUNDACION «ESPERANTO»

## KONKURSO

La Patronaro de «Fundación ESPERANTO» decidis organizi denove konkurson por premii per

PREMIO «CASANOVAS-FERRANDIZ»

la esperantist(in)on, kiu plej sindone kaj kun plej bonaj rezultoj sin dediĉis lernigi Esperanton.

La premio konsistas el 5.000 pesetoj, kun konfirma diplomo kaj memoriga medalo.

REGULARO

1) La konkursantoj devas esti membroj de Hispana Esperanto-Federacio.
2) La faritan laboron kaj rezulton atingitan de la konkursantoj, devos esti prezentita antaŭ la 15-an de novembro 1981-a.
3) La meritojn de la aspirantoj ekzamenos kvalifikita juĝantaro.
4) La Verdikto publikiĝos okaze de la Tago de Zamenhof, la 15-an de decembro 1981-a.

Kun la indiko: Por la Konkurso Premio «Casanovas-Ferrandiz», oni sendu la dokumentarojn al: F-ino Inés Gastón, Sekretariino. Pº de la Constitución, nº 35, 4º derecha. Zaragoza.

Zaragoza, la 3-an de junio de 1981.

INES GASTON
Sekretariino de la
«Fundación ESPERANTO» kaj de la Konkursoj.

# PLENA EBRIA VORTARO

**Bernard Golden**

Okaze de esplorado pri alkoholismo en la leksiko de Esperanto, mi komencis kompili liston de vortoj registritaj en **Plena Ilustrita Vortaro** (PIV), rilatantaj al drinkaĵoj venantaj el diversaj mondpartoj. La unua lando, kiun mi elektis, estis Meksiko. Mi tuj konstatis, ke mia listo ne estas kompleta, kaj mi rimarkis ankaŭ, ke la formoj de la terminoj, kiujn mi sukcesis trovi, kaj la enhavo de iliaj difinoj, sugestas, ke la leksikografoj, kiuj proponis kaj registris tiujn vortojn, eble gustumis alkoholaĵojn dum ili laboris.

La vortoj plejparte estas etnonimoj, kiun d-ro István Szerdahelyi difinas jene: «...vortoj, esprimantaj realaĵojn, specifajn por certa etna medio, nacia kulturo, historio aŭ folkloro. Ĉi tiuj vortoj... estas senekvivalentaj, sekve netradukeblaj nur interpreteblaj». (**Esperantologiaj Kajeroj** I, Budapest, 1976,. p.102). Ekzemploj de hispanaj etnonimoj en Esperanto estas «banderilo» (**banderilla**), «hoto» (**jota**), «mantilo» (**mantilla**) kaj «realo» (**real**). Ili vere estas etnolingvaj vortoj kun Esperanta formo, do kelkaj esperantologoj argumentas, ke oni ne asimilu ilin. Ili apenaŭ estas uzataj aŭ uzeblaj ekster hispana kultura kunteksto.

La unua vorto, kiun mi serĉis por mia kolekto da ekzotaj alkoholaĵoj, estis la Esperanta ekvivalento de **pulque**, fermentinta drinkaĵo farita el la suko de diversaj agavoj (H. **maguey**). PIV registras «pulkvo»: «Meksikia brando, farita per ia speco de agavo». Mi transturnis la paĝojn por kontroli ĉe la artikolvorto «agavo», kun la espero, ke tie estos ĵetita pli da lumo sur la signifon de «pulkvo».

La sèplinia difino de «agavo» certe kontentigus botanikiston, sed ĝi estas iom tro enciklopedieca por laiko. Post la difino de la vorto estas grastipa sago resendanta la leganton al «sizalo», kaj sekvas ĝin la kunmetaĵo «agavovino=pulko». Leganto, kiu ankoraŭ ne estas ebria, rimarkos,

ke io ne estas en ordo. Sur p. 886 troviĝas «pulkvo» kun «v», dum sur p. 15 la vortformo estas «pulko». Kio okazis al la «v»? Estas malakordo ankaŭ en la difinoj. «Pulkvo» estas brando, dum «pulko» estas vino! PIV difinas brandon kiel «Alkohola trinkaĵo, farita per distilado de fruktoj, grenoj, vino»; male, vino estas (1) «fermentita suko de vinberoj» kaj (2) «fermentinta suko de aliaj fruktoj aŭ plantoj...» Jen granda diferenco. Estas evidente, ke la vortaristo, kiu formulis la difinojn de «pulko/pulkvo» neniam gustumis ĝin. Vere, ĝi estas fermentinta suko de agavo. Poste ni ekscios, kio okazas, kiam oni distilas tiun sukon.

Mi menciis, ke ĉe la artikolvorto «agavo» estas resendo al «sizalo». Nu, la resendo estas erariga indiko, ĉar tiu vortformo ne estas registrita en PIV. Tamen, persista serĉado malkrovis «sisalo» kun «s», difinitan jene: «Fibro, ekstraktata el la folioj de meksika agavo, uzata por fari ŝnuregojn ktp.». Antaŭ ol spekulativi pri la signifo de «ktp» en tiu difino, oni rimarku la vorton «meksika». Laŭ la sama vortaro, pulkvo ne estas «meksika» drinkaĵo sed «meksikia». Tiu nuanco estas grava, se oni sekvas la uzadon de PIV rilate la finaĵon «-io» de loknomoj. Meksiko (sen «i») estas la ĉefurbo de la lando Meksikio (kun «i»). Kial, do, ne estas konsekvence uzo de la adjektivoj «meksika» kaj «meksikia» en la difinoj? Mi rekomendas, ke oni uzu «Meksiko» kiel landnomon kaj ties ĉefurbon «Meksikurbo». Tiel, la kontrasto estas pli granda ol inter «Meksiko/Meksikio», kaj sekve, estas malpli da risko de konfuzo pro misaŭdo kaj misskribo.

Distilante la sukon de la mezaj folioj de certaj specioj de agavo, oni ricevas pli fortan alkoholaĵon nomatan «meskalo» (H. **mezcal, mescal**). Tiu ĉi vorto ankoraŭ ne estas registrita en PIV, sed troviĝas la parenca vorto «meskalino»: «Alkaloido de pejotlo (meksikia kaktaco), kapabla krei vidhalucinojn tre intensajn kaj ofte tre precizajn». Vane oni serĉas pluajn informojn, ĉar «pejotlo» ne aperas kiel artikolvorto en PIV. Ĝi estas (1) speco de kakto kaj (2) stimula drogo venanta de sekigitaj diskformaj supraĵoj de la mescalkakto.

Se post la unua distilado de la agavosuko oni redistilas la meskalon, oni akiras drinkaĵon konatan hispanlingve kiel **tequila**, kiun mi esperantigis kiel «tekilo».

Espereble la redaktoroj de PIV baldaŭ decidos pri la pli ĝusta vorto en la paroj «pulko/pulkvo» kaj «sisalo/sizalo»; se ne, plej verŝajne en la sekvonta eldono troviĝos sur unuj paĝoj de **Plena Reviziita Vortaro** «tekilo» kaj «meskalo», kaj sur aliaj «tekvilo» kaj «mezkalo»!

# PRINTEMPA ESPERANTISTA FESTO EN MONISTROL DE MONTSERRAT

La 16-an kaj 17-an de majo, antaŭ la nesuperable fono de la Montserrat monto, kiel ĉiujare okazis la Printempa Esperantista Festo. En la pasintaj jaroj tiu okazis ĉe la Esperantista Restadejo de HEJS kaj nur inter esperantistoj. Ĉijare la festo disvolviĝis sur la Placo de la Granda Fonto ĉe la Urbodomo kaj antaŭ la ĝenerala publiko kun la celo interesi ĝin.

La festo estis precipe dediĉita al la infanoj. La geedzaj esperantistoj kunportis multajn infanojn kaj tiel, la grandaj kiel same la malgrandaj ĝoje partoprenis en la festo. Unue, dimanĉo matene, kolektiva fluida ĉokolad-matenmanĝo. Sekve tradicia fanfarteamo rondiris la placon muzikante pasinttempajn popolajn rondirajn melodiojn,

Silentis la muzikistoj kaj la multnombra infanaro (130) konkuris per rapida desegnado el la naiva skolo.

Oni ludis per ununura aktoro helpe de marionetoj spritajn teatraĵetojn el la trobadora epoko; popola kritiko pri la potenculo kiel la farso «La Du Sunoj». La teatro nomiĝas Sekiga Tuketendilo. Vere kelkaj bastonoj subtenante nigran tukon kiel budo el tolvandoj por marionetoj.

Dum la festo ĉe tablo kovrita per esperantaj libroj oni ilin disvendis.

Tagmeze, kun blua sennuba ĉielo kaj varma suno el la Placo oni supreniris al la Restadejo por kampara tagmanĝo. Posttagmeze okazis la disdonado de premioj al la infanoj, kiuj partoprenis la desegnan konkuron. Ĉiu desegnanto ricevis sian premion.

Trafa kaj bona estas la eliro de la esperantistoj el fermita rondo sur la popolan placon. Des pli bone estas interesi la infanojn pri Esperanto. Ili almenaŭ scias, ke ekzistas tutmonda lingvo por la popola interkompreniĝo. Aliaj intelektaj argumentoj ne taŭgas por varbi infanojn. Sed ni esperantistoj ne forgesu, ke festi ne estas nia celo. La amuzaj festoj, kiel ĉiu festo, ankaŭ estas necesaj por la vivoĝojo, sed festo devas esti ripozo por ree starti al la labortagoj. Tio estas daŭrigi nian seriozan klopodadon por movi la indiferentecon de la homamaso, tiu inercio, kiu estas la precipa barilo al la sukceso de la esperantismo. Do, post la festo, ek al la laboro!

**G. Moya**

## Internacia Ekspozicio pri Infanpentraĵoj

Esperanto klubo en Horiče denove organizos grandan internacian ekspozicion de infanpentraĵoj. Aĝo 5-15 jaroj, temo kaj formato libervola. Tiucele ni eldonos kolorpresitan katalogon de la plej belaj pentraĵoj. Ĉiu infano ricevos Esperantan dankateston kaj multaj ankaŭ la katalogon. Speciale ni rekompencos kolektivajn kaj transmarajn sendaĵojn. Pentraĵojn kun nomo, aĝo kaj sekso de la aŭtoro surdorse sendu baldaŭ al adreso František Patera, Csl. armády 1027, CS-508 01 Horiče, Ĉehoslovakio.

# Seminario pri Esperantologio kaj Interlingvistiko en la Universitato de Santiago de Compostela

La Instituto por la Edukaj Sciencoj de la Universitato de Santiago de Compostela okazigis 50 horan seminarion pri Esperantologio kaj Interlingvistiko en La Coruña kaj Santiago de Compostela.

La unua okazis de la 4-a ĝis la 23-a de majo kaj la dua de la 1-a ĝis la 23-a de junio. Ambaŭ kursojn gvidis nia entuziasma kaj senlaca S-ano Antonio Alonso. Al la Seminario aliĝis entute 33 geprofesoroj plus 13 «liberaj partoprenantoj» kaj la Diplomon pri partopreno ricevis entute 26 geprofesoroj.

Dum la monato junio kaj en la kadro de la kurso okazinta en la Universitato de Santiago estis aranĝitaj diversaj prelegoj pri tre variaj temoj. Unue, la 5-an de junio D-rino María Rafaela Urueña, prof. pri Internacia juro en la Universitato de Valladolid kaj Prezidantino de Hispana Esperanto Federacio, prelegis pri la temo «Lingva politiko de la Internaciaj Organizaĵoj».

La sekvan tagon prelegis Prof. Francisco Azorín Poch, Universitata Profesoro pri Matematika Statistiko ĉe la Fakultato de Sciencoj de la Aŭtonoma Universitato de Madrid, pri «Esperanto, Scienco, Universitato».

Ankaŭ prelegis S-ro Fernando de Diego, membro de la Akademio de Esperanto kaj tradukisto al la internacia lingvo de gravaj verkoj de la hispanlingva Literaturo, pri «Literaturo en Esperanto kaj ideologio de la Esperanto movado».

Ĉiuj prelegoj estis ege interesaj kaj sekvis kolokvo.

La Seminario , laŭ la opinio de la gepartoprenintoj estis plene sukcesa laŭ teknika kaj homa vidpunkto.

La 5-an de junio Prof. Azorín, Prof. Urueña kaj Prof. Alonso vizitis la Direktoron de la Instituto pri Edukaj Sciencoj, samtempe Vicrektoron de la Universitato, kiu afable kaj ĝentile akceptis ilin, kaj anoncis la eblecon organizi iun similan Seminarion por la nova akademia jaro.

La lokaj ĵurnaloj kaj radiostacioj detale informis pri la evento.

Estas antaŭvidebla la eldono de broŝuro enhavante la prelegojn de tiu ĉi Seminario.

## NOTA DE INTERES

Se pone en conocimiento de todos los miembros de esta Federación que no hayan hecho efectivo el pago de la cuota correspondiente al año actual, que el próximo número de BOLETIN les será enviado contra reembolso.

**LA TESORERA**

# BELETRO

Ĉi-jare, la unuan fojon, la Esperanto-fako de «Club d'Amics de la Unesco de Catalunya» kunvokis la poeziamantojn al «Unua Printempa Belarta Konkurso».

La temo de la konkurso estis simpla limeriko, kaj la respondoj venis en sufiĉe granda nombro: 52 konkursaĵoj de 15 partoprenantoj. La nivelo estis mezbona.

La Ĵurio konsistis el la tri jenaj personoj: Joan Moretó, Joan Vélez kaj Joan-Ramón Guiñón. La verdikton oni eldiris la 1-an de majo ĉijara. Laŭ la opinio de la ĵurianoj, la dua premio restis ne aljuĝita, kaj la trian premion ricevis samtempe du aŭtoroj. Jen ni prezentas la tri premiitajn limerikojn:

### UNUA PREMIO

Virino en valsa Vieno
vekiĝis kun granda migreno.
Ŝi kriis al vando
kaj al kunkuŝanto:
Neniam plu tia festeno!

**Poul Thorsen**

### TRIA PREMIO

Nu, jen en Madrido usonano,
li diris ĉe fama fontano:
«Belega bieno!»
Neptuno, kun ĝeno,
ekkriis: Vi ŝajnas «texano»!

**Santiago del Pino Verdes-Montenegro**

Virino kaj viro angore,
li lerte kaj ŝi amatore,
dum kartojn vetludis
jem ambaŭ sin nudis,
ĉar veton ŝi pagos... amore.

**Miguel Gutiérrez Aduriz**

---

### DONATIVOS

| | |
|---|---|
| Suma anterior ....... | 26.700 |
| Antonia Galbany ........ | 347 |
| Pepita Gallart .......... | 100 |
| Juan Deu ............. | 200 |
| José María Claramunt .. | 100 |
| Donativo anónimo ...... | 4.000 |
| Fernando Prieto León ... | 1.000 |
| Rafael Palacios ......... | 100 |
| Grupo Esperantista Bilbao. | 500 |
| Tomás Apráiz ........... | 100 |
| Cecilia Gutiérrez ........ | 100 |
| Eduardo Larrouy ........ | 100 |
| Enrique Fueyo .......... | 500 |
| José Arroyo García ..... | 600 |
| Suma y sigue ....... | 34.447 |

## SOCIOS PROTECTORES EN 1981 (Continuación)

| | | |
|---|---|---|
| 11. | José Fernández .. | Nº 2.534 |
| 12. | José Lerroux .... | Nº 373 |
| 13. | Antonio Corral ... | Nº 2.536 |
| 14. | José Ballbe ..... | Nº 1.001 |
| 15. | Feliciano Oliván . | Nº 2.351 |

# INTERNACIAJ KONGRESOJ KAJ KUNVENOJ



## 67-a Universala Esperanto Kongreso

La venontjara Universala Kongreso de Esperanto, okazos en Antverpeno (Belgio) de la 24-a ĝis la 31-a de julio, sub la Alta Protektado de la Reĝo de la belgoj Balduino.

Ĉi tiu U. K. estos la kvara okazonta en Belgio, aliaj U. K. okazis en Antverpeno (1911-a), kaj en la sama urbo en 1928-a kaj en Bruselo okazis en 1960-a Universala Kongreso de Esperanto.

La Loka Kongresa Komitato prezidas senatato Fernand Piot kaj jam aktive laboras por ke la U. K. en Antverpeno estu vere alloga kaj neforgesebla.

Kiel kongresejo funkcios salonoj de la Antverpena Zoologia Ĝardeno kiu situas tre proksime de la centra stacidomo.

Provizora adreso de la Kongreso estas:

Flandra Esperanto Ligo
Arsenaalstraat 5
2.000 ANTVERPENO
(Belgio).

En venontaj numeroj de BOLETIN ni volonte aperigos ĉiujn informojn kiujn ni ricevos de niaj flandraj gesamideanoj pri la U. K. okazonta en Antverpeno

---

## 52-a KONGRESO DE ITALA ESPERANTO FEDERACIO

Okazos en la Eterna Urbo (Romo) de la 19-an ĝis la 24-an de septembro. Temo de la Kongreso estos «Esperanto en Eŭropo». Pli detalaj informoj petu al Itala Esperanto Federacio, Via Villoresi, 38 I-20.143 MILANO (Italio).

---

# INTERNACIA GRUPO INFORMO-SCIENCA (I. G. I.)

En la Budapeŝta Teknika Universitato okazis en decembro 1980-a Internacia Informadistika laborkonferenco, kaj la partoprenintoj decidis fondi Internacian Grupon Informo-Sciencan IGI.

IGI celas samrangan internacian fakan kunlaboron, ĉefe en la kampo de necifera informprilaborado. Tial, kvankam IGI ne estas esperantista grupiĝo, la Internacia Lingvo estos ties unua, sed ne la sola laborlingvo.

Ĝis la fino de 1981 oni decidos pri eventuala jura memstareco de IGI. Intertempe oni ankaŭ serĉos la kunlaboradon aŭ kunigon kun eble ekzistantaj aliaj informatikistaj fakularoj.

Fariĝis Prezidanto de IGI Prof. D-ro Wolfgang F. Schmid, D-2392 Glücksburg, Flensburger Str. 22 (FR GERMANIO) kaj Sekretario D-ro Ing. Peter Broczkó, H-1368 Budapest Pf193 HUNGARIO.

# RECENZOJ, RECENZOJ, RECENZOJ

## ARGENTINA POEMARO

Tradukis: Horaco de Diamanto, Bastono de Kordobo kaj Ergoto de Bonaero.
Ilustraĵoj: Horaco de Diamanto.
Kompostado, antaŭparolo kaj notoj pri la aŭtoroj: Ergoto de Bonaero.
Eldonis: Argentina Esperanto-Muzik-eldonejo.
Kserografie presita en marto 1978-a.

Hispanlingvaj poetoj elstaras en Sudameriko, kaj ili kreis seninterrompe skolojn kiuj tute malsimilas je tiuj de siaj samlingvaj kolegoj el Hispanujo, ĉar la socia medio, rasaj trajtoj kaj prahistorio, tie estas tute malsama.

Pluraj el ili, en la nuntempo, estas profetaj denuncantoj de maljustaĵoj kaj politikaj eksterordinaraj cirkonstancoj kiuj validas laŭ universalaj homaj valoroj kaj historiaj eventoj. Aliaj gravaj poetoj manifestiĝis, kiel ankaŭ multaj aliaj el la nuntempo, kun esprimado nostalgie romantika pri sia origindeveno kaj pri tio kion recenzas malnovaj kronikoj laŭ aspektoj de raso kaj specifa nacieco.

En la ARGENTINA POEMARO abundas tiuj laste menciitaj temoj. La poeziaĵoj estas digne tradukitaj, kaj ili redonas kontentige la originalan mesaĝon. «La nesto de kondoroj» estas menciinda ekzemplo. La restantaj, same alte rangas, ĉar ĉiu temo estas pritraktita laŭ la impeto aŭ lirika fajro de la respektivaj aŭtoroj.

La tro modesta kserografita libreto, sobre ilustrita, prezentas dek aŭtorojn, dek-naŭ poemojn kaj tri tradukintojn kiuj uzis laŭdinde la lingvon.

**G. MORA**

## DOKTORO BOVORO

Autoro: A. López Luna.
Eldonis: Amigos de López Luna, Casilla de Correos 2507, 1000 Buenos Aires.

Mi legis kun plaĉo kaj profitdona intereso la historion, aŭ romanecan biografion de doktoro Bovoro kiu neniam ekzistis. Gustumante la paĝojn de tiu verko, mi havis la senton ke la fikcia disvolviĝo de la rakontitaj faktoj nepre devus havi aŭtentikecon aŭ ekvivalenton por ke ni pli bone lernu la lecionon plej varian de la homvivo.

Tamen, ĉiu el ni konis iun ajn sinjoron Bovoron kiu kondutis sin, aŭ oni devigis lin konduti sin tiel, laŭ simila maniero —laŭ plej variaj nuancoj— por ke ni kredu je blufoj, ironiaĵoj kaj satira vero ĉiutaga.

Eble ni ne scios rigardi nin en la mondan magian spegulon, en kies fono doktoro Bovoro kaj liaj ĉirkaŭantaj figurantoj rolas komedie: simile, eble, al ni.

Jen humoro, seriozeco kaj naiveco: do senbrida kaj natura filozofio de la vivo.

La lingvo, en tiu libreto centpaĝa, kserografie presita, fluas tre bone kaj akorde kun la celo de la argumento ĉiam vigla.

Malmultaj eraroj lingvaj troviĝas, laŭ mia aprezo. En paĝo 13, estas presita nekorekta «sia», anstataŭ «lia». En paĝo 26, mi estus skribinta «geedziĝa ceremonio», anstataŭ «edziga». En paĝo 55: «viŝis ŝviton sur sia frunto», anstataŭ «de sur».

La frontpaĝo estas tre malbela pro fuŝe desegnitaj titolliteroj: bedaŭrinde, ĝi impresas tre malfavore, ne alloge.

**G. MORA**

# LA FARAONO, de B. Prus

Broŝuro 24-paĝa. Eldonis Hungara Esperanto-Asocio. La bildrakonto verkis Tibor Cs. Horvarth, desegnis Attila Fazerkas, la Esperantan tekston kompilis (utiligante la tekston de Kabe) Vilmos Benzick.

Kiel oni klarigas en la antaŭparolo, tiu ĉi bildrakonto ne povas aperigi ĉiujn epizodojn de la ampleksa, trivoluma romano samtitola, sed la broŝuro helpas kapti la precipan linion de ĝia enhavo, priskribantan la progreseman regadon de junaĝa faraono, kiun unue forte kontraŭstaris kaj poste kanajle murdigis reakcian konspiron.

Trafaj desegnaĵoj ilustras tiun bildrakonton, kies verkinto kaj kompilinto lerte adaptis al ĝi la bonstilan Esperanto-tradukon de la iama vicprezidanto de la Akademio, D-ro Kazimiro Bein (=Kabe). Tamen, min mirigis tio, ke liajn plej ofte uzatajn vortojn, kiaj estas Egipto kaj egiptanoj, oni modifis ĉe ilia transskribo per Egiptio kaj egiptoj. En Plena gramatiko RIM. V 69, estas jena regulo: En landoj de Ameriko kaj Afriko la landoj donas la nomon al ĝiaj loĝantoj. Ekzemple: El Kanado, kanadanoj; el Maroko, marokanoj; el Peruo, peruanoj, ktp. Do, el Egipto, egiptanoj!

Resume, la eldono de tiu interesa bildrakonto estas tre oportuna por plia diskonigo de grava verko, des pli, ĉar tradukita de renoma Esperanto-stilisto.

**V. Hernández Llusera**

---

# DEZIRAS KORESPONDI

Instruisto 35 jaraĝa. Mi interesiĝas pri geografio kaj muziko, sanĝo de bk. kaj turismaj prospektoj en esperanto. Mi estas komencanto kaj deziras trovi korespondan hispanan geamikon kiu estus proksimume kiel mi: S-ro Jaromir Polak.—67161, Prosiměřice 155 (Ĉehoslovakio).

S-ro Jozef Sucharda, 15 jaraĝa knabo: Ĉ S-96271 DUDINCE-Slovakio (Ĉeĥoslovakio).

Hispana samideano kolektas uzitajn p.m. kaj deziras interŝanĝi ilin. Jesús Pérez.—Apartado 27.066, BARCELONA (Hispanio).

Gesinjoroj A. Hesami, P.B. 34-164 TEHERAN-13 (Iran), deziras korespondi kun gehispanoj pri ĉiu temo.

S-ro Peter T. Lang, 91 Ritherdom Road, Upper Tooting, LONDON SW 17, 8QH (Britujo), specialisto pri orientaj lingvoj. Li kun sia edzino intencas viziti nian landon estontece.

S-ro Fridrich Zöld.—07632 BORSA ĉ 368 (Ĉeĥoslovakio) pri pentraĵo, E-movado, esperantaĵoj, p.m. kaj b.k.

27-jaraĝa fraŭlo, instruisto de germana lingvo, kun gehispanoj por interŝanĝo de libroj, E-glumarkoj, k.t.p. S-ro. Vladimir Opletajev, U.R.S.S. 626400 Tjumenskaja obl.—SURGUT-1 ul. Dekabristov 7, b.

54 jaraĝa kontisto, S-ro Vasil Georgiev, placo Stambolijski 14 ŜUMEN (Bulgario) kun gehispanoj.

# JOSE GUITART ESCUDERO



En sia 66 jara aĝo (1915-1981) mortis en Barcelono nia ŝatata kaj samtempe fervora esperantisto José Guitart Escudero. Lernis Esperanto-n en la jaro 1954 kaj partoprenis en multaj Hispanaj Kongresoj kaj Katalunaj Renkontiĝoj. Li estis dum 10 jaroj prezidanto de la E-Fako en la asocio «Foment Martinec» (Barcelono), kaj li ĉiam laboris fervore kaj entuziasme en ĉiuj esperanto-festoj, kaj ankaŭ partoprenis en la teatraĵo «Malsupra Tero», kiel la rolanto «Bastiano». Ripozu pace nia veterana samideano kiu forpasis la 14-an de majo.

**J. Ferrer**

# FELIX DIEZ MATEO

Li naskigis en la Kastilia urbo Palencia, sed li eklernis Esperanton en Bilbao dum 1906-a, iomete post la fondiĝo de la tiea Grupo. Iama Prezidanto, li gvidis plurajn kurson kaj li kunlaboris en la ĵurnalo «El Pueblo Vasco» redaktante esperantan rubrikon. Profesia tradukisto kaj lingva specialisto, li estis aŭtoro de multaj metodoj por la instruado de Esperanto. Li estis membro de la Akademio de Esperanto kaj tradukanto de diversaj rusaj verkoj kaj poemoj al Esperanto. Okaze de la 27-a Hispana Kongreso de Esperanto, okazinta en Bilbao la jaron 1966-a, li agis kiel Prezidanto de la Organiza Komitato.

La lasta esperantista okazintaĵo kie li partoprenis, estis en Palencia, okaze de la Renkontiĝo tie okazinta dum februaro 1979-a.

Pace ripozu nia kara samideano, Honora Membro de nia Federacio.

**Urueña**

# ANONC-TARIFOJ

Okaze de la 40-a H. K. en Madrido oni akceptis la publikigon de KOMERCAJ ANONCOJ, tamen pro diversaj problemetoj ĝis nun ne estis prezentita al niaj legantoj kaj klientoj la liston de niaj anonc-tarifoj. Tiel do tralegu atente la suban liston kaj agu laŭ viaj eblecoj.

| | |
|---|---|
| Tutpaĝa .................. | 15.000 p-toj |
| Duonpaĝa ................. | 9.000 p-toj |
| Kvaronpaĝa ............... | 6.000 p-toj |
| Simplaj anoncetoj .......... | Ĉiu vorto kostas 10 p-toj |

Pri la enhavo de la komercaj anoncoj kaj simplaj anoncetoj respondecas nur la anoncantoj.

**Rabatoj:** Ĉe ripeto dum du sinsekvaj numeroj 20 %.
Membroj de H.E.F., 10 %.

**Pagkondiĉoj:** **Simplaj anoncetoj** en la antaŭmendo. **Komercaj Anoncoj** 30 tagoj post fakturado kaj 10 % de rabato se okazas la pagon en la antaŭmendo.

**Pagu al: Kasistino de H.E.F. Konto nº 001.664-0 Caja de Ahorros Popular, Agencia Urbana E. VALLADOLID.**
**Skribu samtempe al H.E.F. indikante la celon de tiu pago.**

# POEZIA ANGULO

OMAĜE AL LA BILBAO'A ESPERANTA POETO
SRO. MANUEL DE ELEZCANO

## PAŜTISTA IDILIO

NU...

Kio estas kiso?
petis paŝtistin',
kaj ĝoje paŝtisto,
kun am' diris ŝin:

DO...

Kio estas kiso
vi volas scii?
Ha! koramatino,
mi diros al vi:

JEN...

Ni lipo kun lipo
nin donu sen fin'...
tio estas kiso,
Ho! belkarulin'.

Ĉiela plezuro!!!
Ha, ŝi diris lin:
Ĉu ĝi estas kiso?
NI RIPETU ĜIN.

**Manuel de Elezcano**

## SONETO

## Lope de Vega

Soneton Karulin ĵus de mi petis,
tio por mi ja estos konflikteto:
ŝajne dek-kvarversaĵ estas soneto;
nu, antaŭ ĉi tiu mi jam tri metis.

Rimon tute ne trovi mi timetis
mi tamen marŝas tra l'dua kvarteto;
komenciĝonte l'unua terceto
prokvartetan teruron mi forĵetis.

Unuaterceten mi iras treme,
kaj ke mi bonŝancon havis aspektas
ĉar ĝuste nun mi ĝin finas timeme.

Ĉe l'dua mi troviĝas, kaj suspektas
ke dek-triverson mi finis senpreme.
Per tiu ĉi mi konkluden direktas.

Tradukis: **Santiago del Pino**